# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)



Du junaj maŭroj, forkurintoj el faŝista kampo, kiuj nun estas fervoraj politikaj komisaroj k plenrajtaj civitanoj en nia armeo

## PERSISTO!

La milito de Hispanio estas vibre k fatale la milito de la mondo! Ĉiu ajna rezultato estos nepre decida por la tuta homaro. Senutile baraktas la vantaj klopodoj de la kancelarioj por trovi sorĉe formulojn de pli aŭ malpli relativa neŭtraleco. La brulanta destino de Hispanio vartas sufere la sorton de la universala politika civilizo. La du konkretaj, abrupte difinitaj, elementoj, kiuj jam dum unu jaro en Hispanio vete ludas tragedion, forĝas la ŝtalan akson de nia konvulsia epoko. Tial, absoluta neŭtraleco de civilizitaj landoj, antaŭ rigora dilemo, nur signifas pian rezignacion por akcepti malglore stampon de hokokruco aŭ almozon de digno k libero. Certe, post triumfo de la popolo en nia lando, neniu forto estos kapabla eviti la efektiviĝon de multaj sociaj postuloj k revoj. Inverse, se la venko estus por la Faŝismo... ho, tiam la moderna civilizo estus rikane k plene sorbita de la tuteca barbara buŝego k tre falsa programo de abomena uragana despotismo.

Ne ekzistas jam plu mezaj terminoj: la lukto jam estas tro klara k tro longa; ĉiu flanko jam scias, kion ĝi riskas gajni aŭ perdi. Komforta rolo de rigardanto estus distra se tio estus ebla. Sed tia okupo ne vakas, malgraŭ penoj de kelkaj diplomatoj, kiuj, por trafi tiun lokon, stulte perdis la tuban ĉapelon k ĉifone oferis la frakon de ceremonioj...

La militoj ĉiam, sen escepto, prezentis saman direkton: Landoj potencaj, kiuj imperialisme forglutas modestajn popolojn, k modestaj popoloj, kiuj heroe k brave frakasas la fieron de landoj potencaj. Inter ambaŭ fluoj, laŭ tiel simpla leĝo, akumuliĝis alterne la paĝoj en la densa volumo de la homa Historio. Nenion valoras efike do nun la bombastaj asertoj de la Demokratio, obstine svingante la ŝirajojn de bela standardo, pri la jura rajto de ĉiuj popoloj aranĝi mem siajn proprajn aferojn. Eŭropo scias troe, ke la normala marŝo de Hispanio estas trude barita de la fremda volo de faŝistaj nacioj. La ŝtata opinio de Eŭropo scias tion k tamen ĝi ne intervenas, por eviti krimojn, kvankam la reguloj de la politika Juro tion ordonas solene. Ĝi ne intervenas, ĉar certe ĝi sentas panikon. Jes! senlima timego nodas al ĝi la manojn k balbutigas la langon. Ĝi prezentas riverencojn por murdantoj k esprimas kompatojn por la murditoj. Duobla ludo tre danĝera! Malfacila estas la moderna Diplomatio por la nervoj de personoj sub influo de teroro. Teroro tro konscia; teroro, kiu analizas la eblojn de malamiko pli atente ol la proprajn avantaĝojn.

Gajni tempon... jen absurda solvo por tiuj groteskaj pupoj, kiuj atendas ĉiutage konkretajn rezultojn per la fajro de la milito mem. Kiam faŝista premo skandale blufas, ili pensas flustre: «Eble nun solviĝas la afero... Ni zorgos poste konvinki ilin pri konveno de nia amikeco...»

Tamen, sekvantan tagon la Respubliko rezistas aŭ, eĉ pli grave!, atakas kuraĝe; tiam la samaj figuroj filistre kalkulas: «Se ili rezistus k la f^aŝista vaporo estus elĉerpita... Eble tio estus bone por malapero de dorno... Ni zorgos poste konvinki ilin pri malkonveno de troa socialista fantazio.. »

Intertempe flugas la semajnoj; pasis unu jaro! La tempo urĝas, ĉar la pasio muĝas. Nova malsupera opinio komprenas k premas por eviti ofendojn al nobla popolo—tiu de Hispanio—batalanta obstine, dum dek du monatoj, por pruvi tutmonde, por intima plaĉo de propra spirito, ke ne estis banala bombasto aserti fiere, ke preferinde estas ja morti stare ol vivi genufleksel

## UNU JARO!

Meze de Julio, dum pasinta jaro, la hispana reakcio kun la superaj kastoj de la armeo, obeinte ordonojn de fremdaj mastroj, ekbruligis meĉon de la faŝista bombego. En la komenco, ne ĉiuj taksis la gravon de la momento. Tamen ĉiuj sciis plenumi la necesajn devojn kun apoteoza entuziasmo. Sen armiloj, krom pugnoj k dentoj, kun la sola ŝildo de pasiaj brustoj, per la impeto sankta de ofendi'a digno, la popola amaso ofensive alsaltis kazernojn, sufokinte en nesto la ĝermojn de nigra perfido, kovita de malamikoj de la vivo k agentoj de la morto.

Patro k filo, frato k fratino, junulo k fianĉino, eĉ avo k nepo! en anonima mikso, fordonis malavare la inkon de sia sango por verki la genezajn paĝojn en la lukto patosa kontraŭ la faŝismo tutmonda. En la ĉefaj urboj, el la plej riĉaj regionoj, fiaskis la komploto. Epilepsia rabio eksplodis pro tio en despotaj landoj. Vanta indiferento glitis samtempe en kapo de demokrataj ŝtataj gvidantoj. Nur la popolo tuj flaris klasbatalan odoron. Sed la pasio tute ne povis detrui la muregon de glacio, kiun faris, el stultaj formalaĵoj, seriozaj demokratestroj, dum arsenalo de mortiga materialo, kun lavango da soldataj sklavoj, fluadis sinsekve en la malfeliĉan zonon kie falis viktime la popolo post furioza k longa defendo.

La civileco de tiu ĉi milito baldaŭ malaperis! En nia landa areno nepre okazis, ne nacia konflikto sed universala kolizio inter lumo k mallumo. Fajfis reakcia gazetaro pri abomenaj krimoj, pri ĥaosa konfuzo, pri frenezo, pri deliro k spasmo... por kaŝi precize tiujn bildojn mem el la «naciista» parto, transformita en moderna Inkvizicio kun rafinita aldono de modernaj teknikaj metodoj

Ekfunkciis absurda komitato en Londono por eviti eksteran intervenon favoran al . . . legitima registaro; plenrajta kapo de popolo ne povis akiri armilojn dum bandaĉo de perfidaj generaloj, per lertaj aŭ cinikaj rimedoj, ricevis ĉion taŭgan por rabi al ni la plej homajn kondiĉojn...

Dum la daŭro de la jaro, drastajn horojn ni travivis—ni k vi, kara leganto—. En moderna milito ne sufiĉas nur kuraĝo aŭ heroismo. Tial falis unue Badajoz, poste Malago k fine, tre angore, la riĉa Bilbao; blindaj okuloj k surdaj oreloj eke vidis k aŭdis la voĉon de sana opinio. Jam burĝonas intereso k atento en la ĝardeno de la indiferento, kvankam tio kostis al ni la perdon de tre valoraj perloj de nia antifaŝista juvelo.

Unu jaro! la milicanoj jam estas heroaj regulaj soldatoj, kiuj en Madrido, suno radianta evitante nokton dum la tuta jaro, atakas k venkas antaŭen marŝante por rekonkeri tutan amplekson de sia nacio, pruvante je kio kapablas sindona popolo kiam povas ĝi spiri la freŝan aeron de l' mondo tra libera kadro de larĝa, solida k familia fenestro.

**Hispanio, dum unu jaro, militas deviĝe pro komploto de diplomatoj kaj ribelo de perfiduloj!**

# AMIKA ATENTIGO

Tute intence, ni lasis flanken k ne volis tuŝi iun tiklan temon, pri kiu sin okupas, jam de kelka tempo, certa parto de eksterlandaj gazetoj k proletaj organizoj. Tamen, ĉar nia silento povas ŝajni suspektinda, ni deziras diri do kelkajn vortojn pri la afero:

La stranga sinteno de P. O. U. M. (kunfandiĝo de trockistoj kun iama bloko de eksteroficialaj katalunaj komunistoj, sub nomo de Laborista Partio por Marksisma Unuiĝo) kulminis en la absurda «revolucia» ribelo en Katalunio la 4. de pasinta Majo; tiu danĝera skuo, en la koro de nia ariergardo, tiris trompe, post si, sektoron de bonaj laboristoj. Por la hispana Registaro—nete legitima k aŭtente popola—estis nepra devo fari objektivan enketon, kiu rezultigis enkarcerigon al pluraj gvidantoj de tiu partio k malpermeson al ties presorganoj.

Ni volus, ke tiuj niaj amikoj el Tutmondo, kiuj ne estas influataj de antaŭjuĝoj, komprenus bone la problemon. Temas ĉi tie pri organizo, kiu, sub la ŝaŭmo de tre demagogiaj devizoj, kondutis ĉiam agitece eĉ kontraŭ la antifaŝistaj reguloj de la nova situacio. Per malopor-tunaj postuloj, celantaj laŭdire la starigon de fronto ekstreme revolucia, ĝi subfosadis la unuiĝon de diversaj branĉoj el la antifaŝismo; ĝi kreis konfuzon k ofendis ampleksajn sociajn tavolojn honeste batalantajn kontraŭ la Faŝismo. Nun ankoraŭ, eĉ dum plej danĝeraj cirkonstancoj, regas en lojala Hispanio libereco por esprimi ĉiajn pensojn k opiniojn—parole aŭ skribe—. Tio permesis al P. O. U. M. ataki malfidele la fundamentojn de la Popola Fronto k eĉ senbride rekomendi malobeon al la decidoj de la Registaro.

Tiu konduto de la gvidantoj de P. O. U M. jam de longe, meritis dubojn pri la sincereco de ilia revoluciemo. Frukto de ĉi tio estis la hontindaj okazaĵoj de Majo! La ekzisto de provokistoj, en nia ariergardo, elementoj kies agitado favoras la planojn de la Faŝismo, ja ne estas fantazio nek triviala blufo sed bedaŭrinda k fakta realo. La polico—nia popola nova polico!—malplektas la fadenojn de tiu mistera fasko el plej malsamaj personoj, kies kontakto kun agentoj de la malamiko ŝajnas elpruvita. Neniu rajtas supozi, ke la Popolfronta Registaro, havanta absolute la fidon de la amaso, agos maljuste en tiu afero, kiun nun kompetentaj—ne tradiciaj—tribunaloj klarigas k studas tre zorge k skrupule.

Spionado serve al la faŝistoj; konekto kun la malamikoj, politika misorientigo por la naivaj senkonsciaj kredemuloj, facile knedeblaj k kondukeblaj al katastrofa aventuro, ŝajne tre revolucia, sed fakte plene kontraŭrevolucia, estas atentindaj faktoroj ekzistantaj en nia tendo. Vidi ilin, detrui ilin, estas elementa kondiĉo!

Nia honesteco k la speciala karaktero de nia voĉo malpermesas deklari ke ĉiuj respondeculoj de P.O.U.M. estas kulpaj. Ni mencias faktojn. Ni atendas, por la bono k normala vivo de tiu partio mem, la rezultojn de la esploro por definitiva solvo, kun la serena konvinko ke la Popola Fronto scios k povos ekstermi ĉiujn malamikojn—kie ajn ili troviĝos—por venki en la milito k por efektivigi, per faktoj k ne per frazoj, la grandiozan hispanan revolucion.

Paroli nun, sen racia kontrolo, pri la ombroj de Noske aŭ Kerenski estas malica ofendo por honestaj sinceraj personoj, kiuj modeste, ĝis hodiaŭ, laboris kun fervoro, sen fuŝa intenco, por la triumfo de tuta popolo k certe ne por vanta pompo de unu partio aŭ unu tendenco, ĉu politika ĉu sindikata. Zorgu do nia eksterlandaj amikoj, ne fali glite en senton de erara humaneco. Ili fidu ne nur en la kuraĝo de niaj brakoj sed ankaŭ en la saĝo de nia cerbo aŭ en la takto de nia koro. Ili devas kompreni, ke por koni funde tiun malagrablan aferon, estas necese travivi la koncernan medion. La distanco k la tendencaj informoj povas facile trompi, kredigi, ke ankoraŭ la popolo oferas sangon por ebligi persekutojn al senkulpuloj. Tio ne jam plu okazas!



# ŜAJNOJ OFTE TROMPAS...

## (MILITA ANEKDOTO)

Bona kamarado k fervora esperantisto el nia rondo, leŭtenanto nun en la sudaj frontoj, ĵus sendis al ni, en letero kun varmaj salutoj, la anekdoton, kiun ni plezure aperigas ĉar certe ĝi prezentas, kvankam amuze, la psikologiajn trajtojn de niaj soldatoj, post unujara milito.

Dum la semajnoj, kiuj sekvis post la kontraŭbatado de niaj soldatoj al la faŝistaj trupoj, celantaj alproprigi al si Pozoblankon, okazis oftaj pluvoj; dum la malhelaj noktoj, faŝistaj soldatoj, forkurantaj el la malamikaj tranĉeoj, alvenis ĉiutage ĝis la niaj. Ili ĉiam venis malsekaj, sen pafilo, ofte sen ŝuoj k preskaŭ sen vestaĵoj. Ĉio estis forlasata por atingi pli rapide la respublikanajn parapetojn.

Preskaŭ ĉiuj forkuruloj estas naskiĝintaj en Andaluziaj provincoj k kiam ili troviĝas inter niaj trupanoj—multaj el kiuj estas ankaŭ de la sama regiono—ili ridegas, babiladas trograndigante rakontaĵojn k preskaŭ freneziĝas pro ĝojo brakumante ĉiujn.

Al niaj demandoj, ili respondis, ke en la faŝistaj batalionoj, ĉiu kvaropo da andaluziaj soldatoj estas vigle kontrolata de kaporalo, kiu plej ofte estas el Galegio (nordokcidenta hispana regiono).

Iun tagon aperis la suno, kiu dun mateno k vespero radiis k sekigis la teron. Ĉi-nokte, ĉeestiĝis en niaj tranĉeoj forkuranta soldato «malamika», kiu portis sur la maniko ruĝan galonon de kaporalo. Li kunportis ankaŭ pafilon, bajoneton, plenajn kartoĉujojn, mantelon, tornistron k eĉ flankosakon.

Ĉiuj ni scivoleme demandis al li pri diversaĵoj. Li rakontis, ke li estis devigata atendadi plurajn tagojn, antaŭ ol li povis forlasi la faŝistojn.

—Nu, kial vi ne venis ĝis nun? Ĉu vi ne havis favoran okazon?

—Jes—li respondis—mi povus esti forkurinta pli baldaŭ, sed miaj lavitaj vestoj estis ankoraŭ akvumitaj k mi volis kunporti ilin. Tial mi atendis ĝis suna tago...

—Ĉu vi posedas monon?—demandis iu.

—Jes, mi havas ses pesetojn, kiujn havigis al mi «falangista» serĝento, al kiu mi vendis mian mantelon.

—Sed, vi kunportas ankaŭ mantelon... Ĉu vi havis du?

—Ho, ne! Estas la sama, kiun aĉetis de mi la serĝento, ĉar mi, antaŭvidinte noktan pluvon, nur akceptis vendi ĝin se la aĉetonto promesas pruntedoni al mi la mantelon nur dum tiu ĉi nokto... Ja mi bezonegis ĝin por mia planita foriro. Tiel mi havus monon k mantelon... Dum mia vojiro al ĉi tie—daŭrigis la rakontanto—kiam mi jam estis tre proksime al vi, mi denove estis devigata reiri al la faŝista tranĉeo...

—Kial?—ni demandis avide. —Ĉu vi estis timanta ion? Eble, ke oni estis vidanta vin spione?

—Ho, tute ne, sed mi memoris subite, ke sur dorna kreskaĵo, apud la kelo en kiu mi dormis, restis forgesite miaj ŝtrumpetoj, lavitaj k jam sekaj de la suno...

* * *

Poste ni ridis multege, kiam ni eksciis, ke tiu ĉi kaporalo ankaŭ estas galego!

S. DASI

Leŭtenanto en batalfronto de Kordobo

# HONORE KVANKAM HUMORE...

En la junia numero de *Nia Gazeto* kun sufiĉa miro, ni trovis, en kolekto da spritaj rimoj originalaj de konata samideano Raymond Schwartz, belan antifaŝistan verseton, kiun ni ĉi-sube represas kun tre konvena ilustro, honore al Madrido, kun emocia danko por ĝia aŭtoro:

**Generalo Franko kun fanfar'**
**Anoncis jam de duonjar'**
**Dumintervjue,**
**Ke li nun fine, laŭ decid',**
**Promenos morgaŭ en Madrid'!!**
**... Estas tro frue...**

**Raymond SCHWARTZ**



KRUELEGO KAJ HIPOKRITECO

# PROMESOJ PLENUMITAJ

Generalo Franko, en respondo al la tremiganta alvoko de Prezidanto de la nobla Baska Registaro, persiste neas ke la faŝistaj aeroplanoj detruis la regionon k pretendas kredigi al la mondo, ke la «ruĝuloj» mem masakris la popolamason de la baskaj vilaĝoj.

Antaŭ unu jaro, en intervjuo kun korespondanto de *News Chronicle*, aperinta en tiu ĵurnalo la ĉefgeneralo de la ribeluloj diris: «Por efektivigi mian planon mi ne hezitos, se necese, fusilpafi la duonon de la hispana loĝantaro kiel bona solvo.

Liaj subgeneraloj havis saman penson. Unu el la buĉistoj de Badajoz, la sovaĝa Yagüe, post la konkero de tiu urbo k la miloj da murdoj faritaj tie, deklaris al korespondanto de *Deutsches Nachrichten Bureau:* «La malrapideco, laŭ kiu la armeanoj konkeras la teritorion havas avantaĝon, nome la purigado definitiva de la lando el ĉiuj ruĝaj elementoj».

La 19. Aŭgusto de pasinta jaro, la kanajla histriono Queipo de Llano bombastis per radiostacio Seviljo: «Okdeko, el cento, de andaluziaj familioj surportas jam funebrajn vestojn. Por sekurigi la finvenkon, ni senŝancele agos ankoraŭ pli rigore. Ni iros ĝis la fino k ni daŭrigos nian taskon, ekstermi eĉ la lastan marksiston».

Niaj legantoj notu bone, ke por la ribelanta generalaĉaro ĉio, kio ne estas specife faŝista, estas marksismo, ruĝa marksismo, danĝera komunismo!

* * *

Ĉiam la civilmilitoj en Hispanio estis terure sangaj. Tamen, la hodiaŭa milito, aliigita je milito por sendependeco, surpasas kun siaj kruelaĵoj ĉiujn militojn de la Historio.

Por trovi militon, iel similan al la nuntaga suferado de nia popolo, estas necese memori pri la antikvaj tempoj de la Homaro, kiam la invadantoj estis, ne armeoj sed tutaj popoloj, kiuj per atako al alia popolo celis sklavigi ĝin. Nek urboj starantaj, nek enloĝantoj postrestis vivaj aŭ liberaj. Milito estis ekstermado.

En la XX.ª jarcento la hispanaj ribeluloj k iliaj kunuloj, iliaj mastroj, la mezeŭropaj faŝistoj revivigas la tiamajn procedojn k praktikas tiuspecan militon. Mezepoko refajras!

* * *

Ekde la komenco de la Mezepoko, la nacioj provis humanigi la luktojn. Priokupis ilin la sorto de la ne-batalantoj. Iom post iom kreiĝis juro, kiun la registaroj agnoskis k akceptis kun respekto. Kiam alvenis la XX.ª jarcento, tiu juro ne havis kontraŭstarantojn. Male, ĝi fortiĝis per interkonsentoj k akordoj de kunvenoj internaciaj ĉe Ĝenevo k Hago. La proponoj estis diskutataj k solene alprenataj. Civilizo ŝajnis ekzisti...

Sed ribelis la plimulto el la generaloj k oficiroj hispanaj kontraŭ legitima Registaro, en perfidego sen precedenco. Tuj la Historio malantaŭeniras jarcentojn. Kiam oni legas la raporton pri la masakro en Badajoz, verkita de la Usona gazetisto Jay Allen (kiu ĉeestis ĝin) ŝajnas, ke oni legas priskribon de iama monstra invado, fare de Atilo, de Gengis Khan aŭ de Tamerlan. Estas la samaj metodoj. Jen kion faris la fia buĉisto Yagüe k lia leŭtenanto, laŭ menciita raporto:

«Laŭlonge de la muregoj de la urbo, ni iris al la taŭroludejo. Unu fojon, antaŭ kelka tempo, mi vidis tie la faman toreadoron Juan Belmonte, kiu vizitis tiun vesperon la lokon por vidi la virbovojn, samtempe alportataj por la morgaŭa festo. Hodiaŭ oni ankaŭ enkondukas viktimojn por la festo de morgaŭ: sendefenda homamaso kun la brakoj levitaj.

Preskaŭ ĉiuj estas junaj. Kamparanoj k metiistoj. Ili estis ĵetataj en la areno, je la kvara matene. Tie atendis ilin la mitraliloj. Post la unua nokto, la sango kovris la teron per dika tavolo. Post dek-du horoj, 1.800 viroj kun kelkaj virinoj kuŝis sen vivo. Mil ok cent korpoj ja elverŝas pli da sango ol oni povas imagi per homa menso.»

* * *

Senfina estas la listo de similaj masakroj en urboj k vilaĝoj, regataj dekomence aŭ konkeritaj de la ribeluloj. Kie ili regas, teroro regas. Generalo Mola, ĵus mortinta pro akcidento de aeroplano, ĉe komenco de la atako al la Baska Lando, minacis neniigi ĉion k ĉiujn, se la baskoj ne sin liverus senkondiĉe. Li akurate k zorgeme plenumis sian minacon.

La demento do, de «naciista» Von Franko konvinkos neniun. La faroj elokvente konfirmis la vortojn de tiuj ŝakaloj, ili plenumis siajn promesojn.



La arto ankaŭ floras, kiel tre gaja rubriko, dum bruas milito. Jen belega marmora busto de komandanto Lister, tiu simpla ferlaboristo, kiu transformiĝis en genia popola generalo por la heroa defendo de Madrido.

POR LA HISTORIO DE LA NE-INTERVENO



Germana delegito Von Ribbentrop

# DATOJ KAJ CIFEROJ



Itala delegito Grandi

Antaŭ ol la komenco de la Ne-Interveno, Germanio k Italio abunde provizis la ribelulojn; sed post alpreno de la fama komitata decido, tiuj nacioj ruze perfidis konstante sian subskribon, kiel ĉiam ili agis.

Post la 20. Aprilo la Kontrolo malhelpis nenion; la ribeluloj daŭre estis provizataj de Italio k Germanio. La 15. Majo elŝipiĝis en haveno de Malago 15.000 italoj. Parto el tiuj trupoj estis komandataj de leŭtenanta kolonelo Marchi. La 24. Junio elŝipiĝis en itala haveno Civita Vechia 8.000 soldatoj, kiuj vojaĝis al haveno de Cadiz. Du italaj armeestroj, kiuj aktive partoprenis la kampanjon de Abisenio, generaloj Badtito k Spussei, kun siaj staboj, nun komandas la «naciistajn» trupojn en la malfacila montara norda regiono de Santander.

La germana ŝipo «Amlienburg» kiu eliris el haveno de Hamburgo fine de Aprilo, alvenis en hispana haveno de Vigo, apud Portugalio. Ĝi estis komandata de germana leŭtenanto, kiu loĝis dum kelke da tempo en Vigo kie li kontaktiĝis kun aliaj germanaj pilotoj. Por falsigi la veron, la franca reakcia gazetaro skribis: «Estas kaptita grandega bolŝevika ŝipo kun militmaterialo». Tiu ŝipo vizitis denove la havenon de Hamburgo dum Maja monato, k la 15. ĝi komencis novan vojaĝon al Hispanio kun militmaterialo, sed en tiu vojaĝo la ŝipo estis nomata «Acme» k sin ŝirmis per la flago de Panamo. La ŝipanaro ricevis plialtigon de 60 % en la salajro.

La ŝipo «Schleswig» de 5.000 tunoj, kiu apartenas al *Norddeutscher Lloyd*, estis sendata denove sub la nomo «Marañon». Nun ĝi vojaĝas al Hispanio kun materialo.

La 11. Majo alvenis en Hamburgo la ŝipo «Sexta» de Flenburg kiu transportis al Hispanio kargon de trilito. La ŝipo «Sexta» transportis diversfoje militmaterialon al nia lando kun flago de Panamo. La ŝipanaro estis maldungita en Hamburgo.

La sveda ŝipo «Allegro» je la servo de linio *Woermann* ŝarĝis en Bajelhaten ŝtallitojn k eliris la 14. Majo kun germana ŝipanaro.

La 9. Aprilo, la dana ŝipo «Marienborg» (en Danio tute ne ekzistas ŝipo kun tia nomo, do la nomo estas falsigita) estis ŝarĝita per aviadiloj, tankoj k municio. Multaj kestoj de bomboj, kun afiŝoj dirantaj «Ĉokolado» estas ŝarĝitaj en tiu ŝipo de 5.000 tunoj, kiu vojaĝis kondukita de germanaj maristoj k kun flago de Panamo.

En tiu haveno, dum monato Marto, estas senditaj du milionoj da kartoĉoj por mitralfusiloj. Ili devenas el Karlsruhe, el la fabriko *Maschinenbau A. G.* proksima al Berlino. Tiu fabriko laboras ekskluzive por Franko.

La 13. Aprilo k sekvantaj tagoj eliris kelkaj ŝipoj kun militmaterialo, senditaj de la ŝipmastroj Kirrste.

La ŝipo «Acme» el linio *Sloman* konstante vojaĝas transportante materialon al Franko. Dum lasta vojaĝo ĝi transportis ses aeroplanojn, municion, ĥemiaĵojn k multajn flakonojn entenantajn fluaĵon por produkti artefaritajn nubojn. Dum la vojaĝo kelkaj flakonoj krevis.

En haveno Hamburgo la deponejoj 33 k 34 estas utiligataj por ricevi nur armilojn k municion. La deponejoj 31 k 32 estas jam aranĝataj por la sama uzado.

Nederlanda ŝipo estis en haveno Hamburgo, dum monato Marto, kontraŭ deponejo 28 por ŝarĝi militmaterialon destinita al Franko. La ŝipanaro sciiĝis pri tio, k rifuzis labori. La ŝipon oni devis malŝarĝi.

La transport-agentejo *Matthias Rhoda*, de Hamburgo, kiu kontrolis ŝipojn por sendi ilin al Hispanio, dum monato Majo sendis kvar grandajn ŝipojn kun militmaterialo. La transportado de soldatoj estas zorgata de la firmo *Ewerführer Jensen*.

Ĉiuj personoj kiuj intervenas en tiuj laboroj pri transporto, estas devigataj solene promesi pri silentado.

Kaj sinjoro Eden persiste parolas pri etiko de la Ne-Interveno, moko plej fripona de la nuna tempo!

KULTURA SOLIDARECO

# INTELEKTULA RENDEVUO

La II[a] Kongreso Internacia de Verkistoj por Defendo de la Kulturo okazis solene ci-jare en Hispanio; la Kongreso ĵus kunvenigis en nia urbo, de la 4. ĝis la 10. de Julio, la reprezentantojn de ĉiuj partoprenantaj landoj.

Antifaŝistaj verkistoj el Tutmondo rendevuis en Valencio por studi helpon, kiun ili povas havigi al la hispana popolo. Ili vizitis Madridon, la koro de la hodiaŭa lukto kontraŭ la faŝismo. Ili esprimis, dum la laborkunsidoj, sian fervoran simpation al nia gravega afero.

Elstaraj membroj de la Delegacioj, estis, inter aliaj: Heinrich Mann, Ludwig Renn, Erwin Kisch, germanaj; Geida Greepe, Lise Landbrack. norvegaj; Jexoe Andersen, dana; M. Koltzov, Alexei Tolstoj, Ilya Ehremburg, sovetaj; Malcom Cowley, usona; André Malraux, Julien Benda, francaj; Sylvia Townsend, angla; José Mancisidor, meksikana; Paolo Neruda, ĉila; D-ro. Brower, nederlanda; González Tuñón, argentina. El la paroladoj de kelkaj kongresanoj, ni eltiras jenajn frazojn:

TOLSTOJ—«La heroa lukto de la hispana popolo estas por ni ĉiuj, karno el nia karno k sango el nia sango.

BROWER—«Stari apud hispana popolo estas plej kristana konduto.»

TRISTAN TZARA—«En vi, k nur en vi, batalantoj hispanaj, ni agnoskas la verajn defendantojn de la moderna kulturo.»

MALCOM COWLEY—«La meŝago, kiun mi portas el Usono estas, ne tiom oferto pri helpo, kiom peto pri helpo»

ANNA SEGHERS—«En ĉiuj lingvoj oni skribas k diras nun, ke en Madrido la lukto estas, ne por la libero de Hispanio sed por tiu de la tuta mondo »

Pere de „Popola Fronto" mi salutas ĉiujn antifaŝistajn Esperantistojn en la mondo

Ludwig Renn

Valencia, 4.7.37

Ludwig Renn, dediĉis al niaj legantoj la apudan saluton.

# DU GRAVAJ INTERNACIAJ ESPERANTO-KUNVENOJ

en kiuj estos persone kaj oficiale reprezentata POPOLA FRONTO

## 17.ª KONGRESO DE S. A. T.

31. Julio ĝis 5. Aŭgusto 1937.
en ROTERDAMO (Nederlando)

Adreso: K-do. C. Van ESSEN
Westerbeekstr. 57. — Rotterdam, Z

## 3.ª KONGRESO DE I. P. E.

7. ĝis 12. Aŭgusto 1937.
en PARIZO (Francio)

Adreso: K-do. DENIS M.
14, Avenue Ambroise-Rendu.—Paris, 19.e

# BONA VOJO

«Nur kiam la atenco ricevos repuŝon, stabiliĝos la paco en Eŭropo!» ĵus diris De Brouckere; li diris tion en Parizo, dum kunveno de la Plenuma Komitato pri internacia kunagado por helpo al la hispana popolo. Estas ja tre gravaj tiuj vortoj de la prezidanto de la II.ª Internacio; ili ne estas diritaj senpripense laŭ impulsoj de momenta emocio. Male, ĉar ili havas la pezon de grava respondeco, kiu neniel ignoras la fadenojn de la krespa maŝo kovranta nun la ĉefajn zonojn de Eŭropo, ili prezentas dikan reliefon. La pozicio de la hispana popolo—kies voĉo, se ne malatentata, estis almenaŭ mallaŭtigata sub premo de filistraj interesoj—laŭ sinsekvaj fluoj de nia milito, gajnas valoron k prestiĝon por la aktuala pinto de la kulmina punkto.




De Brouckere ĵetas antaŭen penson, kiun la internacia laboristaro jam komencas age efektivigi. Tio mem ankaŭ lumigas nian fidon je la granda efiko de la tutmonda proleta movado. La elpruvo estis—estas!—tre peza por ni, hispanaj popolanoj. Oni metis abrupte, sub hardo de viva fajro, malnovajn konvinkojn. Konsideri sin plena de respondeco, antaŭ la estonto de la homaro, k senti sin ankaŭ sen praktika subteno, kun izolitaj fortoj, estis malfacila tasko, angora zorgo! Oni atentu, ke ni parolas pasintece, ĉu pro tio ke la vanaj vortoj transformiĝis jam en pozitivaj faktoj? Ne, ankoraŭ ne! sed la emocio de la nunaj vortoj, en diferenco al tiuj de antaŭ kelkaj monatoj, jam estas kvazaŭ ŝelo de solida k sana kerno. La ekstera dekoracio prezentas pli purajn kolorojn. La lingvaĵo de la publika opinio jam uzas esprimojn k frazojn konkretajn. Tio preskaŭ estas komenco por ĉio, kion la hispanoj morale k rajte meritas. Neniu alia rimedo estis nek estas ebla por la definitiva savo de Eŭropo: antaŭ monstra provoko nur estas utila la forto, la tuta forto! kiun povas apliki la Demokratio, aroge preta, por subita agado, ĉe plej eta simptomo de minaco. Ĉu aktiva defendo ne estas devo por la rajto?

Tio sufiĉos por ke la Faŝismo, bleke aŭ grumble, ekmalantaŭeniru! Tuta ĝia fanfaronaĵo, por la politiko de teroro, kuŝadis nur sur la politiko de timo. Ĝi profitis la prudentajn hezitemojn k subtilajn formalaĵojn por aŭdacaj ungobatoj. Paŝo antaŭen de la Demokratio estas certe paŝo malantaŭen de la Faŝismo! La saĝaj k trafaj vortoj de De Brouckere mezuras la situacion per la solaj eblaj terminoj por la digno de la kulturo k civilizo. Tial ni esperige diskonigas ilin, ĉerpante ilian gravan signifon ĉar la buŝo laŭtiganta tion apartenas al unuaranga aŭtoritato de la universala laborismo.

«Por atenco, repuŝon!» jen klara devizo. La amaso jam havas, eĉ per normala disciplino, fundamenton por fari premon al siaj propraj gvidantoj...

HELPANTO DE BUĈISTOJ

# «NACIISTA» SERVUTECO

Tuj post la okupo de Bilbao, Franko rapidis forsendi telegramojn al Hitler k al Mussolini, dankante al ili la efikan helpon, kiun li ricevis el ambaŭ diktatoroj por la konkero de la ĉarma regiono de Baskio.

Naŭzigas tiom da senhonto. Mirigas tiom da senhonoro. Jen generalo de la Hispana Armeo, kiu sin turnas al du ŝtatestroj k solene publike montras sian dankemon pro la senditaj korpusoj k materialo, per kiuj oni neniigis la popolamason de Hispanio.

Tiuj, kiuj sin nomas «naciistoj» en nia lando, sin klinas genuflekse, k riverence kisas la piedojn de la *Duce* k de la *Führer*, dum ili trenas tra la koto la nomon de sia patrolando. Kaj tiuj aĉuloj ne faras tion kaŝe, sed en submetiĝo de lakeo al la mastro, ili distrumpetas sian senhonoran konduton per publikaj laŭdaj esprimoj en gazetoj k per radiodissendoj, eĉ fierante pri sia perfida servuteco.

* * *

Dekoj k dekoj da aeroplanoj, gvidataj de germanoj k italoj, superflugadis la poziciojn de la Baskoj k disĵetadis milojn k milojn da bomboj.

Pluraj centoj da germanaj kanonoj, uzataj de germana artileriistoj, pafadis pluvegon de obusoj al niaj tranĉeoj. La grenadoj faris breĉojn, tra kiuj batalionoj de «Nigraj Sagoj» (soldatoj de Mussolini) antaŭeniris sen lukto, surirante amasojn da hispanaj senkulpaj kadavroj.

Antaŭ tiu spektaklo, Franko k liaj subuloj estis kortuŝataj. Ne pro la viktimoj—liaj samlandanoj—sed pensante al Hitler k al Mussolini, sen kies decida helpego nenio estus sukcesinta en liaj planoj...

Kiom da kaptitoj nehispanaj faris la ribeluloj ĉe la konkero de Baskio? En siaj informoj, ili parolas pri Baskoj, Santanderanoj k Asturianoj nur. Male, preskaŭ ĉiuj soldatoj kaptitaj de la registaranoj estas fremduloj.

Jes! Pravas Franko per siaj telegramoj al Berlino k al Romo, kun dankesprimo pro la helpo. Sen tiu helpo, jam delonge la ribelo estus venkita. Eĉ kun la apogo de la marokanoj, la perfiduloj ne estus rezistintaj pli ol dek semajnoj, la impeton de la popolo.

Hispanio batalas kontraŭ tri nacioj. Tiuj tri nacioj trovis ĉi tie perfidantojn, kiuj helpas ilin en ilia krima agado. La «naciistoj» de aliaj landoj agitas favore al la venko de tiu servuta perfido. Ili je nomo de falsa patriotismo estas ankaŭ pretaj detrui la korpojn de siaj samlandanoj.

Viktor Hugo diris iam, ke pli malnobla ol la buĉisto, pli sendigna ol la ekzekutisto, estas lia helpanto...

## KANTO PRI ŜIPO

de S. MARSAK

Brilis la sun' en ŝtormema veter',
Blovis matena vent',
Iris la ŝip' el Hispana ter'
Al malproksim-orient'.

Naĝis la ŝip' el Hispana ter'
Al aspirata cel'.
Pli malvarmiĝis la mara aer',
Pli nebuliĝis ĉiel'.

Portis la ŝipo el Hispani'
al la Sovet-Uni'
Gastojn hispanajn
Kun kora salut'—
Karajn infanojn
De l' sud'.

Patroj pereis en sanga milit'
Kontraŭ faŝista band',
Sed la infanojn savas invit'
De la amika land'.

Estos por ili Sovet-Uni'
Nova patruj', famili'!
Ritme frapadas la ŝip-maŝinar',
Batas ferdeka horloĝ'!
Dormas infanoj en litoj—po kvar
En ĉiu kajut' por loĝ'.

Jen sin levetis unu infan',
Vangon apogis sur man',
Pensas li: kio okazos plu...
Plaŭdas nur mara bru'.

Scias li: ja en Sovet-Uni'
Estos lernejo, hejm'.
Certe, patrece zorgos pri li
Gvidant'en Kremlo mem.

Brilis la sun' en ŝtormema veter',
Blovis matena vent',
Iris la ŝip' el Hispana ter'
Al malproksim-orient!

El la rusa lingvo tradukis,
N. V. NEKRASOV (Moskvo)

## Sagetoj pri Ne-Interveno

● Paroladis Hitler kun aroga tono en Wurzburg, k ektremo skuis la kolonojn de la gazetaro, raportanta liajn vortojn.

Sed la flegma diplomataro angla dubis. La vortoj estis tro akraj... «Necesas oficiala konfirmo», k.t.p. Kompreneble, tuj poste aperas deklaro, laŭ kiu Hitler ne diris tion, kion liaj propaj ĵurnaloj asertis k bombastigis.

Ĉiam, kiam la diktatoroj dementas siajn minacojn, okazas la sama fenomeno: la cetera diplomatara mondo spertas «sensacion de kvietiĝo».

Kredeble, la demokrataj diplomatoj forgesis, ke la parolkapablo estas donita al la homo, por ke li povu kaŝi sian penson. Tiun timedon oni povas ankaŭ uzi, kiam oni elbuŝigas intiman penson. Tiam oni faras dementon.

Por S-ro. Eden la ĉefa afero estas daŭrigi la politikon de Ne-Interveno, kiu pruviĝis plej taŭga procedo por sekurigi... la planojn de la intervenistoj!

● Sed jam la banditoj parolas sufiĉe klare. Mussolini mem verkis artikolon, kiu aperis en la gazeto *Il Popolo d' Italia* k okazigis grandan bruon eksterlande. La demokrataj registaroj alarmiĝis iomete k ekvekiĝis ĉe ili suspekteto pri la celo de Mussolini.

Tamen, kun kristana pacienco la demokratioj esperas ke la krudaj esprimoj de tiu diktatoro mildiĝos per oportuna demento.

Tial, la putranta kadavro de la Ne-Interveno havus ankoraŭ ŝancon pri reviviĝo!

● Jes, la piratoj parolas laŭte k klare. La sabaton, 26. Junio, vespere, la Radio-stacioj italaj «Firenze-Milano» disaŭdigis viglan raporton pri la partopreno de Italio en la vicoj de Von Franko. Oni diris, i.a., ke «en la lukto inter du civilizoj (faŝismo k «bolŝevismo») Italio NE RESTAS NEŬTRALA k tial, la venko de Franko estos itala venko».

Ni jam dubas eĉ pri la neŭtraleco de la demokratioj. Diversmaniere estas Franko helpata de ĉiuj. De la faŝistoj, rekte. De la filistroj, malrekte.

Sed S-ro. Eden volas fliki la kontrolon k ne interveni en la faŝistan intervenon.

● Hitler k Mussolini prezentas al la demokratioj jenan programon: «Ni alpropigas al ni perforte la krudaĵojn de Hispanio. Samtempe ni havigas al ni apogpunktojn strategiajn. Ĉion ni bezonegas por pli efike ataki vin poste. Ni postulas, ke vi agnosku tiujn rajtojn, kiujn ni konkeras per milito. Estu komprenemaj. Kial vi ne akceptas nian pravon?»

La diktatoroj devus kompreni siaflanke, ke la demokratioj nur povas sin okupi nun pri daŭrigo de la politiko de «sia» Ne-Interveno k lasas al la faŝistoj la intervenajn zorgojn. Sekve, ili ne ĝenu per klarigoj k sendu volontulojn, aviadilojn k.t.p.

Mallonge, ili daŭrigu sian ĝisnunan laboron, sed en silento!

Kio interesas al Britio, tio estas la «principo» pri la Ne-Interveno.

● Laŭ informoj, deveníntaj el la faŝista zono, la policajn funkciojn plenumas tie la germana *Gestapo*. Se oni tion permesas al ĝi, ni esperas, ke ankaŭ ĝi plenumos la saman servon en Londono.

Kondiĉe ke, la Komitato pri Ne-Interveno por savi la Pacon, rajtigu ĝin por tiu rolo.

## HELPO EL NOVA ZELANDO

**Sanitara misio trakuras 25.000 kilometrojn por doni la varmon de sia helpo al la hispana popolo.**

Per ŝipo «Mooltan» jam estas survoje al Hispanio, sanitara misio, kiun la Sindikatoj de Nova Zelando k la komitato por medicina helpo el urbo Auckland liveras al nia popolo.

Tiu komitato invitis, por la prezidanteco, la ĉefministron Michael Savage kiu, kvankam ne akceptis la postenon pro troa laboro, diris sincere ke li konsideris kiel honoron la fakton partopreni kiel membro en organizo kies celo estas havigi helpon k mildigi suferojn de viroj, virinoj k infanoj!

Eĉ el Oceanio venas la varmo de milda solidaro, en atesto de konscio!



**NAJBARE KUN SIBLO DE KUGLO K FAJRO DE GRENADO KRESKADIS LA GRENO**
La pano, por nia milito, estas ankaŭ unuaklasa municio. Dum ordinara tempo, la kampoj de sekalo k tritiko estis, en somero, scenejo de vigla k tipa laboro. Nuntempe, dum paŭzoj en batalo, la falĉiloj anstataŭas la fusilojn per la sanaj brakoj de kamparanaj soldatoj, tre gaje plenumantaj sian utilan metion. Jen ĉarma aspekto de lumaj reflektoj sur maturaj spikoj...

**Por la vera progreso de Esperanto nur estas necesa la sana medolo de libera popolo!**

Kune kun ĉi tiu numero, ni ekspedas apartan folion kun *Publika Letero pri Sennaciismo*, laŭ peto de la Valencia SAT-anaro, kiu tiucele sin turnis al ni nur por ŝpari la poŝtan afrankon. Ni akceptis ĉar tiu dokumento estas objektive verkita, havas ian rilaton kun nia specifa tasko k taŭgas por juĝi flankon de honesta opinio. Kompreneble, en tiu privata afero de grava organizo, nia rolo estas pasiva. Nia pera servo tute ne signifas aprobon aŭ malaprobon al enhavo de tiu folio. Kiam estis necese, ni jam parolis per nia propra voĉo. Ĉi tiu klarigeto sufiĉos por ĝusta kompreno de nia interveno k estas garantio por la respekto, kiun meritas nia estimata diverstendenca legantaro!

# MOZAIKO

● Denove ni prenis multajn kaptitojn. Ili asertas, ke ne estas pli granda nombro da forkurintoj el faŝistaj vicoj, ĉar la oficiroj diras al ili ke la «ruĝuloj» murdas ĉiujn kaptitojn. Tiu konstanta propagando malhelpas la plenumon de ĉies deziro veni al niaj vicoj. Per kalumnio ĉiam oni atingas ion, laŭ konata proverbo.

● En parolado prononcita en Wurzburg, Hitler diris: «Dank' al Dio ni estas hodiaŭ sufiĉe fortaj k povas protekti nin.» Kiam oni prononcas tiujn vortojn, laŭ diktatoreca stilo, oni povas facile atingi klaran tradukon.

● Laŭ sciigoj el germana deveno, nun ekzistas en mediteranea maro, germana ŝiparo, kiu konsistas el: du kirasŝipoj kvar krozŝipoj k naŭ torpedŝipoj. Laŭ oficialaj deklaroj, tiuj militŝipoj defendas en nia maro la germanajn interesojn!

● La fama parolado de Hitler en Wurzburg ankaŭ entenis signifoplenan frazon Ĝi estas: «la germana deziro pri akiro de fermineralo en norda Hispanio estas pli grava ol ĉia konsidero pri internacia kunlaboro por la paco.» Tiu frazo ne aperas en la oficiala teksto de la parolado k ĝin oni dementis poste. Sed la unuaj germanaj raportoj k tiuj, kiujn faris la fremdaj gazetistoj entenas ĝin.

● En nia plej okcidenta fronto, en regiono Ekstremaduro, niaj trupoj energie antaŭeniras. Nia ofensivo estas nedetenebla; pro tio jam aperis tie la barbaraj metodoj.

La faŝista aviadilaro komencis ataki la pacajn vilaĝojn en ariergardo La grava vilaĝo Don Benito estas jam duondetruita; ĉiutage nigraj aeroplanoj atakas aliajn vilaĝojn, malproksimaj de la batalfronto.

● En faŝista zono pligrandiĝas, iom post iom, la kontraŭitala sento inter la hispanoj; ofte okazas incidentoj, kiuj tion pruvas, sed ĵus okazis io vere grava:

En Sevilja aviadkampo alvenis grupo da ses novaj aeroplanoj «Fiat». La morgaŭon matene la aeroplanoj subite bruliĝis k restis rapide detruitaj. Ĉiuj meĥanikistoj, kiuj apartenis al tiu grupo, estis tuj fusilmortagataj.

Kiam la itala polico iris al hotelo «Majestic» por aresti la estron de tiu grupo, li memmortigis sin ĵetante tra fenestro en la straton. Li preferis morti anstataŭ fali en manojn de la kruela faŝista polico.

● Sciigoj el Gibraltar komunikas, ke en ĉiuj hispanaj vilaĝoj, ĉirkaŭ tiu angla zono, estas disdonataj insignoj kun surskribo, kiu tekstas jene:

«Baldaŭ ni konkeros Gibraltaron.»

● La itala helpo al Franko abundas. La aviadkampo de Sarzana (Italio) estas dediĉata al hispanaj aferoj; ĉiutage eliras el ĝi aeroplanoj. Antaŭ kelkaj tagoj eliris dek unu aviadiloj, plene ŝarĝataj je bomboj. Unu el ili, pro erara manovro, eksplodis, tio faligis konstruaĵon proksime al aviadkampo. La aviadistoj pereis bruligitaj.

La aera inĝeniero Colombo laboras de antaŭ du monatoj en Hispanio sub la ordonoj de Franko, kiel teknikisto. Cento da radiostacioj por milito estas senditaj al li.

● Laŭ deklaris faŝista gravulo A. Goicoechea al ĵurnalisto de franca reakcia gazeto *L'Echo de Paris*, la faŝista programo konsistas el: «Tuteca k aŭtoritateca ŝtato. Korporacioj sen libero. Ni ja estas katolikoj—li aldonas — profunde naciistaj k pasiaj malamikoj de demokrataj institucioj k ankaŭ de socialismo k komunismo.»

● La faŝistoj intencas krei danĝeran situacion; ĉe la nordo ili kaptis francan ŝipon *Tregastel*, kiun ili kondukis al Bilbao. En mediteranea maro, ili torpedis anglan ŝipon, kiu telegrafe petegis helpon; angla militŝipo *Penelope* ĝin serĉis vane.

● Usona ambasadoro en Londono, W. H. Bingkam diris dum parolado: «La despotoj devigis al Anglio k al Usono la rearmadon. Akceptinte tiun devigon ni devas nepre gajni tiun veton. Ni deziras, ke kiuj serĉas militon, zorge pripensu antaŭ tiu katastrofo.»

● Laŭ fidindaj sciigoj, la generalo Franko sendis al Mussolini dokumenton, per kiu li klarigas ke la ofensivo en la Nordo kostis al li perdon de 20,000 soldatoj k 20 °/₀ da militmaterialo. Nun la generalo Franko diras ke li bezonas, por daŭrigi la militon, ricevi helpon de 126.000 soldatoj, 500 aeroplanoj, 50 artileriaj baterioj k granda kvanto da tankoj.

● Forkurinta soldato el Regimento 33, raportis ke li vidis la 24 Junio en haveno Cadiz la elŝipiĝon de 8.000 italaj soldatoj k 700 maŭroj. Dum la elŝipigo du respublikaj aviadiloj bombardis la trupojn, k kvar germanaj k du italaj militŝipoj kanonpafis brue la aeroplanojn senrezulte.

● Francio anoncis al Komitato pri Ne-Interveno, ke post la 13. nunmonate ne plu restos kontrolo en franca hispana landlimo, ĝis kiam estos restarigita la kontrolo en portugala-hispana landlimo k en la marbordo.

Itala k germana gazetaroj indigniĝas pro tio, sed hipokrite silentas ke Francio alprenis tiun decidon du semajnojn post la retiriĝo de l'kontrolo fare de Portugalio; Italio k Germanio.

● Du italaj divizioj, kiujn oni preparis dum junia monato, jam eliris en vojaĝo al Hispanio. Unu estas formita proksime al Napoli, la alia en Civita Vechia. La unua jam eliris voje al Malago k la alia al Balearaj insuloj. Ankoraŭ restas 7.000 soldatoj pretaj por tuja eliro.

● Laŭ sciigoj el franca deveno, oni konas planojn el germana stabo, pri invado al Francio tra la zono de Svisio kie ne ekzistas la linio Maginot.

Kiam oni publikigis tiujn informojn; la germana gazetaro protestis, sed novaj raportoj pri la afero konfirmas, ke la detaloj estas ekzaktaj.

● Estas solene inaŭgurita la Pavilono de Hispanio en la Pariza Ekspozicio. Per tio nia Respubliko montras al la mondo la diversajn facetojn k aspektojn de nia mirinda epopeo.

# NIA GAZETA LABORO

ĝis nun, estas nur komenco k bona espero pri la vasta plano, kiun oni povas efike fari kiam la popolo helpe intervenas per mono de sia poŝo k fervoro de sia koro. Ĉu ne estas vere ke vi ne forgesos niajn financajn adresojn?

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
53, Rue Brise-Pain
Poŝĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b., Poŝtĝiro n.° 53411, STOCKHOLM

BELGIO. — K-do M. DELFORGE. — 33, Rue de Heigne, Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
POPOLA FRONTO—Mar, 25, Valencia (Hispanio)

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro. . | 41'65 | ptoj. |
| G. P.—Utiel. . . . . . . | 5 | » |
| A. G. - Haarlem . . . . . | 1 | gd. |
| C. K.—Rott. Post. Grupo. . | 2'50 | » |
| G. M.—Amsterdam. . . . | 1'50 | » |
| Sekcio 5 FLE.—Rotterdam.. | 2'70 | » |
| H. K.—Imuiden.. . . . . | 1 | » |
| J. O.—Imuiden. . . . . . | 1 | » |
| J. S.—Imuiden. . . . . . | 0'50 | » |
| A. v. W.—Imuiden. . . . | 0'50 | » |
| A. v. d. S.—Imuiden.. . . | 0'50 | » |
| A. v. d. Z.—Arnhem. . . . | 2 | » |
| J. P.—Breezand . . . . . | 10 | » |
| M. C.—Heerlerheide.. . . | 3 | » |
| C. A. v. d. V.—Rotterdam., | 1'50 | » |
| F. v. d. M.—Utrecht. . . . | 2 | » |
| H. N.—Malmo. . . , . . | 20 | ffr. |
| FET-anoj.—Toulouse. . . | 42 | » |
| R. M.—Los Angeles. . . . | 42'11 | » |
| J. W. D,—Philadelphia. . . | 10 | dol. |
| J. V.—Praha.. . . . . . . | 50 | ffr. |
| P. P.—Drancy. . . . . . | 10 | » |
| K-do. D.—Drancy.. . . . | 10 | » |
| A. V.—Drancy. . . . . . | 10 | » |
| SekcioFLE.—Heerlen . . . | 4'25 | gd. |
| G. J. W.—den Haag. . . . | 1 | » |
| Sekcio FLE.—Maastricht. . | 5 | » |
| G. P. de B.—Ensehede.. . | 2'50 | » |
| G. J. v. G.—Rotterdam.. . | 1'50 | » |
| D. B.—Roterdam. . . . . | 0'80 | » |
| J. H.—Aikmaar . . . . . | 0'70 | » |
| Sekcio FLE.—Delft. . . . | 2'43 | » |
| E. P.—Amsterdam. . . . | 1'50 | » |
| D. E.—Zaandam. . . . . | 0 50 | » |
| J. K.—Zaandam. . . . . | 0'50 | » |
| C. J. P.—Zaandam. . . . | 0 50 | » |
| Sekcio FLE.—Huizen. . . | 3'55 | » |
| Sekcio FLE.—Dordrecht. . | 5 | » |
| S. J. K.—Andijk. . . . . | 3 | » |
| K-do. B.—Orleans. . . . | 5 | ffr. |
| K-do. L.—Orleans. . . . | 0'50 | » |
| Me. J.—Gexcy les Bois. . . | 10 | » |
| R. V.—Trainou.. . . . . | 5 | » |
| V. R. G.—Paris. . . . . | 10 | » |
| En Usono k Kanado. — Kolektita de LEA-NA. . . | 6 | Dol. |
| Sekcio 2 FLE—Rotterdam.. | 4 | » |

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia

## LASTHORA DIPLOMATA KOMENTO

Sur la Diplomatia Fronto, niaj pozicioj lastatempe pliboniĝis. La kancelarioj ŝajne ekkomprenis, ke la hispana popolamaso verŝas ankaŭ sian sangon en defendo de alies interesoj. Dum Francio komencas respondi laŭte k klare al la provokoj de la Diktaturoj, s-ro. Eden ŝajnas ne forgesi agi kiel lakeo de la diktatoroj. Mankas nun decida gesto de la laboristaro. Ke la ĵusa interkontaktiĝo de la du Internacioj ne restu senfrukta, pro hezitema manko de bonvolo al aktiva unuecfronta kunhelpado.

Ankoraŭ ni ne perdis la esperon...

## INFORMEJO

### ONI SCIVOLAS PRI

K do. José Martí. el Sabadell, kies adreso antaŭ la milito en tiu urbo estis: Str. Colomer, 104.

### ONI INFORMAS, KE

K do. Ricardo Quiles (Kiles) havas jenan adreson: 99 Brigada Mixta. - 2.° Batallón. Plana Mayor. - Ejército del Centro (Guadalajara)

K-do. Rafael Barrufet, estas ankaŭ en la fronto. Lia adreso estas: Comisario del 3° Batallón. - 114 Brigada Mixta. POZOBLANCO (Córdoba)

K-do. Andrés Sanz, bonfartas k loĝas en la sama adreso, kie li loĝis antaŭe.

## LASTA HORO

En la sektoro najbara al Madrido, nia ofensivo estis sukcesa, oni ĵus konkeris kelkajn vilaĝojn k valorajn poziciojn. La malamiko vane klopodis regajni la terenon perditan. En la aero nia supereco estas neta; dum du tagoj niaj aviadistoj faligis: 25 aeroplanojn! perdinte ni nur 5.

En la norda fronto haltis la invada marŝo, k en la sudo k okcidento pliaj kilometroj liberiĝis k ankaŭ en Aragono plivigliĝas ofensivaj operacioj.

## POPOLFRONTA LETERUJO

D. D.-Barcelono.-Ni ricevis kun dankemo 25 ekzemplerojn de via ŝatata Lernolibro.

J. Ĥ. Ŝ.— Ĉelabinsk. - Antaŭdankon pro via anoncita librosendo, kiu ne jam trafis nin. Ni intencas plenumi vian peton laŭpove.

C C. -Alcira—Ni notis la enhavon de via letero k konstatas vian bonvolon.

G. R. — Sektoro Perdiguera — Vi ricevos regule «P. F.». Ne estas por ĝi fiksa abonprezo. Ĉiu leganto monhelpas laŭ sia eblo.

S. D.- Alcaracejos - Ni profitas la anekdoton, kiun vi verkis. K-do. V. B. dankas vian konsilon k salutas vin tre kore.

P. v. d. P. – Amsterdam – Ekde kiam vi plendis la unuan fojon, ni ne plu afrankis tiamaniere. Do novaj plendoj de vi ricevitaj devas rilati al antaŭaj poŝtaĵoj.

N. N. - Moskvo—Kun emocio k altestimo ni ricevis vian koran leteron k tradukon, kiu aperas en ĉi tiu numero.

B. H. L.-Rotterdam—Ni dankas vian Sekcion k vin pro la sendita mono. Okaze de nova sendo, bonvolu uzi la peradon de k-do. Van der Plank, ĉar tiel la afero estas al ni pli profitdona en pesetoj. Viaj vortoj pri Popolfronto estas ĝustaj. La ideo nur tre penige traboras certajn cerbojn. Ni ĝojus se nia plano ceesti la Kongreson sukcesus, kiel ni esperas.

J. S, – Rotterdam — Ni sendas la libreton al via amiko en Barcelono. Laŭ nia scio, la sendaĵoj al batalantoj en la frontoj nur prokrastiĝas ofte pro la translokiĝoj, sed malofte perdiĝas. Tamen, ni restas ĉiam je via dispono por helpi vin trafi viajn konatojn en Hispanio.

T. A.- Bedwas, Mon—Viajn afablajn vortojn ni kordankas k multe ni estimas laŭdojn kiel la vian, kiu kuraĝigas nin. Ni notas la adresojn. Ĉiuj ricevos nian bultenon.

J. M. B.—Cedrillas (Fronto Teruel)—Nin ĝojigas via opinio pri nia laboro. Danke ni akceptis vian mondonacon.

L. C.—Cedrillas - Ankaŭ ni ricevis agrablan leteron de vi kun favora opinio pri nia tasko k monsendo. Pro ĉio ni vin dankas.

H. N.- Gravenhage—Per la aparta poŝto ni skribas al vi pri la afero, kiun traktas via estimata letero de la 4-a. kurantmonate.

RIMARKIGO—Ni rekomendas, ke ĉiuj poŝtaĵoj al la lojala zono en Hispanio, surhavu la indikon. «Via Cerbêre Barcelona» por eviti, ke ili trafu la faŝistan teritorion.

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

ĈINIO - Peiping - Koresponda Fako de Naciliberiga Avangardo dez. kor. kun ĉ. l. gekdoj, precipe interŝanĝi gaz. bul. librojn esp. bildojn aŭ fotaĵojn. P. M. aŭ P. K. l. Respondo garantiata k rekompenco nepra. Adreso: K. F. N. A. ĉe «LA LUMO DE ESPERANTO» Shgie Rhbao; Peiping

HISPANIO - Valencia—Antifaŝista Grupeto arangas ekspozicion pri la internacia helpo al la hispana lukto. Por tiu celo oni bezonas ĉiuspecan grandkvantan materialon: afiŝoj, gazetoj, poŝtkartoj, markoj, k t, p. Adreso: M. Monleon, str. Francisco Sempere, 44-1.° Valencia (Hispanio)